ROK XXV.
LUTY
N-r 2.

JARO XXV.
FEBRUARO
N-o 2.




EL POLLANDAJ VIDINDAJOJ.

Rivero Dunajec en montaro Pieniny.

# ESPERANTYSTA POLSKI
# POLA ESPERANTISTO

WYDAWCY: ELDONANTOJ: POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW

ADRES REDAKCJI I ADMINISTRACJI: KRAKÓW, ul. LUBICZ 34

REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID TADEUSZ HODAKOWSKI REDAKTANTOJ

PRENUMERATA: rocznie Zł. 8.—, półrocznie Zł. 4.—. Dla towarzystw i grup esperanckich (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) roczna prenumerata Zł. 6.—.
ABONO: jare Zł. 8.—, duonjare 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono Zł. 6.—
Konto Pocztowej Kasy Oszczędności Kraków Nr. 406.660.
Eksterlande jarabono — 1 dolaro.
Pojedynczy numer Zł. 0.70 Aparta numero.



**WAŻNE DLA CHCĄCYCH KORESPONDOWAĆ Z ZAGRANICĄ!**

**Atentu!** Ni malfermas en nia revuo la fakon: „Korespondado".
Anonceto de 10 vortoj (krom adreso) kostas Zł. 1.—
Enpagu tuj je nia PKO. Konto 406.660.

## KORESPONDADO.

**Lublin** (Polujo) str. Konopnicka 8. m. 7. S-ro **Czesław Pruski**, Delegito de U. E. A. dez. kor. per L.K.P.I. kun rumanaj gesamideanoj, vizitontaj la XXIII-an en Kraków.

Interŝanĝas P. M. kaj il. pkartojn afrank. bildflanke. Respondas ĉiam.
**Wilh. Lange, Eisleben. Petrikirchplatz** 8. Germ.

**Hankoa Esperanto-Asocio, P. O. Box 54. Hankow, China** petas interŝanĝan alsendadon de Esp. periodaj eldonajoj. Siaflanke ĝi sendados sian monatan gazeton „La Espero".

# POLA ESPERANTISTO

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE.

# ESPERANTYSTA POLSKI

MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ.

ROK XXV JARO | KRAKÓW LUTY 1931 FEBRUARO | Nr 2 N-o

## TRIA INTERN. PEDAGOGIA KURSO DE ESPERANTO GVIDOTA DE PASTRO ANDREO CSEH EN KRAKÓW.

Siatempe ni jam menciis pri tio, ke antaŭ la 23-a kongreso en Kraków okazos la internacia kurso de pastro Ĉe. Tiu okazontajo meritas nian specialan atenton kiel nova tradiciiĝanta aranĝo por la kongresaj partoprenantoj. La unua estis en Budapest tuj antaŭ la 21-a kongreso, la duan oni aranĝis en Arnhem (Holando), nun la tria okazos en Kraków.

Ĉu necesas skribi pri pastro Ĉe, ĝuste nomita apostolo de esperanto? Certe ne. Lia nomo tiel famiĝis en esperantista mondo, ke nemulton oni povus aldoni al krono de la famo, kiu lin ĉirkaŭas. Vera sorĉisto, kiu, kiam nur aperos, scias eĉ kontraŭulojn de esperanto favorigi por ĝi kaj eĉ esperantistigi ilin. Liaj kursoj signiĝas ĉie kiel senfina rubando de venkoj; komencas tie, kie ili okazas, novan epokon de grandioza plikreskado de nia afero. Jetu rigardon malantaŭen: ankoraŭ malmulte konata venas pastro Ĉe al Svedujo, kiun li post ne longa tempo sukcesas entuziasmigi por esperanto, aliigi je vera fortikaĵo de nia movado. La sveda parlamento depost tiam subvencias esperanton, aranĝas por instruistoj ŝtatajn kursojn de la lingvo, la movado grandioze firmiĝas ktp.

Pastro Ĉe venas al Holando. Dissaltas la baroj de indiferenteco. La laboro ĉie favore reeĥas. Montriĝas bezono por fondi specialan instituton, kiu devus daŭrigi kaj organizi la laboron. Ekestas baldaŭ la tuta stabo de kvalifikitaj laborantoj, kiuj helpas sian instruinton. Ŝtataj kaj komunumaj aŭtoritatuloj komencas kompreni la gravecon de nia ideo kaj laŭpove subtenas ĝin. La plej konvinka pruvo por tio estu la malavara donaco de la komununo en Arnhem, kiu disponigis al la Ĉe-instituto ampleksan domon, en kiu povos ofici la instituto, okazadi diversaj kursoj, malmultvorte: servi al celoj de nia movado.

Nun plenaj de plej bona espero ni atendas pastron Ĉe en Kraków. Ĉio jam estas preparita: kursejo, loĝejoj, programo jam preskaŭ tute preta kaj baldaŭ ni dissendos ĝin tra la mondo por inviti ĉiujn interesatojn al la kurso, kiu certe fariĝos por ili unu el plej belaj okazaĵoj en la vivo, kiel ankaŭ por mi estis la Arnhema kurso.

**Tadeusz Hodakowski.**

# NI POVAS DETERMINI AĜON DE LA KARBO.

## (GRAVA MALKOVRO RILATE NIGRAJN DIAMANTOJN).

En modesta laborejo de mineralogia instituto de Minista Akademio en Kraków oni faris malkovron, kiu havas gravan sciencan signifon, kaj krome ĝi estas vere nekutima jam tial, ĉar antaŭ ol oni prilaboris ĝin kun ĉiuj ĝiaj sciencaj sekvoj, tuj sammomente, spite al la kutima kondutmaniero koncerne la aplikadon de sciencaj atingaĵoj al la praktikaj celoj, ĝi montriĝis malkovro esperiganta simpladire unuarangan praktikan valoron.

Mineralogo kaj petrografo el Kraków, prof. Jan Zerndt post longaj kaj laŭplane faritaj, tre pedantaj serĉadoj kaj esploradoj sukcesis eligi el ŝtonkarbo tiel nomatajn megasporojn, apartigis ilin, kreis metodon de ilia apartigado, faris centmilojn da preparaĵoj, faris unuarangajn fotografaĵojn de atingitaj ekzempleroj, pruvis multspececon de megaspor-tipoj, kreis ilian sisteman klasifikon kaj adaptis megasporojn al determinado de kompara (rilata) aĝo de karbokuŝejoj.

Por pritaksi valoron de ĉi-ĉiuj atingaĵoj, oni devas memorigi kelkajn detalojn el historio de prikarbaj esploradoj.

Kiel sciate, la karbo devenas el plantoj (filikoj, ekvizetoj, likopodioj), diferencaj de nun plej disvastigitaj florplantoj, kiuj multobligas helpe de semoj. Plantoj de karba periodo, kiu ekzistis antaŭ ĉ. 300 milionoj da jaroj, multobliĝadis helpe de t. n. sporoj, t. e. ĝermoj konsistantaj el nur unu ĉelo, kaj troviĝantaj sur suba flanko de folio, kiel ni tion vidas ekz. ĉe nunaj filikoj. Tiuj ĝermoj estis duspecaj: viraj, nomataj mikrosporoj, kaj virinaj, nomataj megasporoj aŭ makrosporoj pro pli grandaj dimensioj.

Ke la karbo enhavas restaĵojn de plantoj, oni ekkonis permikroskope jam en 1833 j. Sed eĉ 50 jarojn poste oni opiniis, ke megasporoj estas memstaraj mikroorganismoj. Nur antaŭ unu kaj duonjaro, en j. 1929 Usonano H. Bartlett sukcesis la megasporojn plimalpli bone fotografi kaj priskribis tri specojn de ili. Kelkajn jarojn antaŭe, dank' al plibonigo de metodoj por mikroskopaj esploroj, oni komencis ekzameni la megasporojn en mikroskopaj tratranĉoj, tamen la tratranĉoj ne povis doni imagon pri formo de la magasporoj.

Rezulte do ĝis la lastaj tempoj la scioj pri sporoj en la karbo limiĝis ĝis tio, ke kvankam oni sciis pri ilia ekzisto, sed oni povis nek apartigi ilin, nek reprodukti kun precizeco bezona por esploroj, kaj diversaj provoj ĉi-direktaj donadis nur etajn rezultojn, kiuj prefere kondukis al eraraj konkludoj.

Ĉe tiu stato de scienco pri sporoj kun substreko oni devas mencii, ke jam antaŭ 25 jaroj Polo prof. Stanisław Karczewski, kiu en j. 1906 aperigis disertacion pri mikroskopa konstruo de karbo el ĉirkaŭaĵo de Dąbrowa Górnicza, ekhavis koncepton pri uzo de la sporoj por difini rilatan aĝon de karbokuŝejoj, do li estis la unua entute, kiu prezentis penson pri la uzo de la sporoj por celoj de t. n. stratigrafio.

Karczewski sukcesis ankaŭ tre bone apartigi etajn sporojn kaj reprodukti ilin fotografe, kaj li faris tion tiel bonege, ke liajn repro-

duktaĵojn de la sporoj oni devas konsideri kiel ĝis nun plej bonaj entute. Tamen Karczewski ekkonkludis, ke en la ekzamenataj de li karbotavolegoj ne ekzistas diferencoj en materialo de sporoj.

Jen ĝuste pri tiu ĉi demando, ĉu oni povos uzi sporojn por celoj de la karbo-stratigrafio, okupis sin prof. Zerndt. La unua afero, kiu estis farenda, oni devis trovi manieron por apartigi tutece la sporojn el la karbo. Prof. Zerndt komencis provi diversegajn rimedojn tiel mekanikajn kiel kemiajn kaj fine post 6 monatoj de tre penplena laboro, solvis la demandon komplete. Kaj nome per propra agado kontraŭ karbo (macerado) per azotacido kaj kali lesivo. Ĉimaniere li dissolvis ĉefparton de la karbo kaj ricevadis sporojn, kiuj estis rimarkeblaj jam eĉ nudokule, ĉar ili distingiĝadis per diska formo kaj bruna koloro.

Dank' al kreo de tiu metodo prof. Zerndt dum daŭro de sia 18-monata laboro eligis ĝis nun pli ol 160.000 bone konservitajn megasporojn kaj nome el 45 karbotrovejoj polaj, ĉe tio li konsideris nur specimenojn pli grandajn ol 0.2 mm. diametro.

Krom tio prof. Zerndt sukcesis jam grandskale prilabori siajn materialojn kaj fiksi multajn tipojn kaj sur tiu bazo li atingis jam iujn konkludojn kun vasta amplekso.

Precizaj esploroj, kiujn faris prof. Zerndt interalie en du karbominejoj: en Trzebinia kaj Libiąż, montris, ke tiuj ambaŭ minejoj, posedante kelkajn komunajn megasportipojn, ankaŭ diferencas rimarkinde rilate al troviĝantaj en ili aliaj tipoj. Jen finante nun prilaboradon de aliaj trovejoj, prof. Zerndt en esplorado kaj specigado de sia materialo akiris rezultojn, kiuj ebligas komparon de diversaj trovejoj kun si, kaj rimarki dislokiĝon de la megasporoj depende de aĝo de la karbo. Alivorte: sciencaj akiraĵoj de prof. Zerndt ebligis fiksadon de aĝo al karbotavoloj per nova metodo kaj la demando estas solvita havante unuarangan signifon.

Prof. Zerndt fiksis, ke certaj tipoj de megasporoj troviĝas en ĉiuj entute karbotavolegoj de karbona periodo de plej profundaj t. e. plej maljunaj ĝis plej junaj. Al tiu tipo apartenas la sporo „Triletes giganteus" tiel nomita kaj priskribita de la malkovrinto. Ĝia dimensio atingas 6.4 mm. t. e. egan grandecon por tiuspeca unuĉela kreaĵo. Tio estas la plej granda entute el ĉiuj konataj megasporoj.

La trovo de tiu egulo estas simpladire surprizo po la scienco, kaj nome pro jena kaŭzo: jam en la j. 1926 germana inĝeniero Lange, ekzamenante sporojn sur mikroskopaj tratranĉoj, rimarkis kiel plej grandan megasporon kun dimensio de 1.4 mm. kaj donis gvidinformon, ke ĉe provoj por eligi megasporojn oni devas unue disrompi la karbon je pecetoj grandaj ĝis 1.4 mm. Tiun eraron akceptis en j. 1927 kelkaj lernolibroj universitataj kaj tiamaniere pli grandaj megasporoj jam anticipe estis kondamnitaj je pereo.

Samtempe prof. Zerndt fiksis, ke certaj aliaj tipoj de megasporoj aperas nur en certaj kvantoj da karbotavolegoj.

Ĉi tie ni volas enregistrigi kelkajn detalojn karakterizantajn signifon de tiuj akiraĵoj.

Depost kiam la bultenoj de l' Pola Sciencakademio kun unuaj informoj pri la rezultoj de Zerndt'aj esploroj diskoniĝis eksterlande, same la esplorinto mem kiel universitataj institucioj en Kraków

estis superŝutataj per leteroj de sciencaj institucioj el tuta Eŭropo kaj Ameriko kaj de estroj de eksterlandaj karbaj centroj kun demandoj pri detaloj de rezultoj akiritaj de la esploristo, kaj precipe pri maniero de megasporeligado. Interalie oni turnis sin el minejteritorio de Ruhr kun demando al prof. Zerndt, ĉu li provus eligi megasporojn el tiea karbo, ĉar surloke oni ne sukcesis tion fari kaj oni sendis provajon de la karbo. Same la gvidanto de la Instituto por esploroj de geologiaj brulmaterialoj en Freiberg (Saksujo) prof. O. Stutzer sendis al prof. Zerndt karbomaterialon esplorendan el Moskva minejteritorio. Ambaŭ tiujn taskojn solvis prof. Zerndt kaj siajn rezultojn prilaboris kompare en rilato kun pola karboteritorio, akirante ĉe tio tre interesajn rezultojn.

Ĉi supraj detaloj substrekas gravecon de sciencakiraĵoj de prof. Zerndt, ilian disfamiĝon kaj grandan interesiĝon pri ili eksterlande.

# PRI LA FANTOMOJ DE PERSONOJ VIVANTAJ KAJ MORTINTAJ.

Ofte oni aŭdas rakonti ian personon pri la fantomoj de la ĵus mortintaj personoj. La aŭdantaro ne kredas: „tio-ĉi estis iluzio"; „ĝenerale ne ekzistas iaj postmortaj fantomoj". Oni eĉ ne volas diskuti kaj nur ridindigas la tutan temon. La fakto fariĝas ankoraŭ des pli mirinda, ke tiun-ĉi eblecon rifuzas eĉ la personoj religiaj, por kiuj sendepende de la empiriaj faktoj, ekzisto postmorta estas postulo de la kredo. Mi, limigante min al empiria scienco donas tie-ĉi la naturan priskribon de la fantomoj laŭ la zorgeme kolektita kaj fonte certa kaj senduba materialo el la libro de **Myers et Podmore „Pri telepatiaj halucinacioj".**

Antaŭ ĉio ni devas distingi inter la scenoj kaj fantomoj en strikta vortsignifo. Al unuaj apartenas vidaĵoj, ekz. kiel iu dronas, aŭ mortas en malsanulejo. Oni vidas tiujn-ĉi scenojn tra la distanco, sed ne la fantomojn.

La fantomoj en strikta vortsignifo havas specialan psikologion. Ili aperas plejofte en la momento de la agonio de iuj, al ni tre proksimaj personoj, aŭ en la momento de la perdo de konscio. Ili estas vidataj nure de certaj personoj proksimaj al ili, kun kiuj ili restis en ia senta rilato antaŭ la morto. De aliaj personoj tiuj-ĉi fantomoj ne estas vidataj. Iam ankaŭ — tio estas la plej maloftaj okazaĵoj — ili kontraŭe estas vidataj de la fremdaj personoj, kaj la plej proksimaj por ili sente ilin tute ne vidas. La aĝo kaj sekvo de la personoj vidantaj ŝajnas ludi nenian rolon. La fantomojn vidas ankaŭ infanoj, sentas ilian ĉeeston ankaŭ la bestoj, sed ne ĉiuj el ili, malgraŭ, ke ili estas kune. Tiuj-ĉi fantomoj estas aŭ realaj, simile al la personoj vivantaj, kun ĉiuj detaloj de la vestaĵoj, aŭ nebulaj en pli malpli granda grado; iam ili estas nur la ombroj, aŭ la kopio vidata en la spegulo, aŭ en la polura plato de la ŝranko. La tempo de ilia daŭrado estas plej grandparte tre mallonga. Ili malaperas aŭ tuj, aŭ dissolviĝas malrapide. Estas ili aŭ maltravideblaj, aŭ travideblaj, aŭ komenciĝas de stato maltravidebla kaj finiĝas per stato travidebla. Povas aperi ankaŭ en nebulo per ĝia densiĝo, aŭ en la formo de ne-

bulo. Ofte ilian aperon akompanas la interna konvinko, ke iu estas en la ĉambro, malgraŭ, ke neniu estas videbla.

Ili signalas la vivantajn homojn diversmaniere. Plej grandparte ili estas mutaj malaperas sole kaj per la vizaĝtrajtoj esprimas la akordon. La vizaĝo pala, malĝoja konsternita, iam — rilate pli ofte — ĝoja (la vizaĝo de la fantomo de mortinta infano), aŭ ĉielema.

Se ili ekparolas, ili tion faras mallonge, simbole parolas pri la morto, nomante ĝin „vojaĝo", evitante la ĝustan esprimon. Iu el ili ne toleras la alproksimiĝon, la palpadon de ilia eksteraĵo, ĉar tiam ili malaperas. En ia rilato kun tio estas verŝajne aperado de ili en la momentoj, kiam la persono vidanta ilin troviĝas en malkomoda situacio, aŭ ne disponas per la pleno da fortoj, aŭ per la inklino konvena al la detala, strikta esplorado. Ili emas aperi en la momentoj, kiam la personoj ilin vidantaj estas tute por tio ne preparitaj, kvazaŭ ili volus profiti, por ke ili povu des pli facile malaperi. Tio-ĉi pruvus ian malfortecon de ilia materialiĝo. Tro malofte aperas ankaŭ la fantomoj de granda rezistemeco, tiel, ke oni povas ilin, trairi, kiel tra nebulo kaj malaperas ne pli frue, ol post iu momento. Iam ili signalas la vivantajn homojn, nome ilin alvokante, ofte kvazaŭ por iu voĉo el interno de la homo vivanta, la voĉo, kiun mi nomus la voĉon de interna konvinko, aŭ per la frapo aŭdita de ĉiuj.

Ilia sintenado estas ofte tre kora. Ili premas la manojn, glatas la harojn, iafoje tamen malica, precipe, ĉe la fantomoj de la personoj dumvive malicaj. Tiuj-ĉi fantomoj ĝenerale agorde ŝajnas respondi al iu momento, aŭ de la agonio, aŭ de la konsci-perdo, ne enhavi tamen la vivon sinteze, kiel la tutaĵon. Ia-foje ilia agordo respondas al la agordo de la homoj vivantaj kaj al ĝi similas. Tio-ĉi okazas precipe tiam, kiam temas pri la averto antaŭ la danĝero.

Se oni volus tiujn-ĉi aperintaĵojn konsideri kiel la fantomojn de la personoj mortintaj, volantaj sciigi la vivantojn pri la ekzisto postmorta, en tiu-ĉi okazo krom la fakto mem de tiu-ĉi ekzistado oni nenion povus laŭ ili konkludi. Ili iafoje diras, ke ili estas feliĉaj, aŭ per la esprimo de la vizaĝo, malofte tamen renkotata, ili montras ian ĉielecon de la agordo, tamen ĝenerale, rilate al la majesto de la morto, rilate al la novaj horizontoj de la plua ekzistado, kiu ja sen la korpo devus esti tute alia, ilia sintenado estas banala. Ili klopodas pri la detaloj de la vivo kaj kvankam ili scipovas paroli, ili ne respondas eĉ negative, pri tio, ke tiu-ĉi pluekzisto postmorta estas alia, ol la tera.

Se ni volus kritike pripensi, ĉu oni povus reporti ilin al la inteligencoj ekstermondaj, daŭrantaj post la morto de ilia korpo tera, tiam el la materialo de la telepatiaj eksperimentoj nur iujn kun pli granda verŝajneco oni povus reporti al tiuj-ĉi ekstermondaj estaĵoj. Al ili apartenas tiuj-ĉi okazintaĵoj, kiam ekz. al la infano en la sonĝo aperas patrino vidata samtempe kiel la fantomo nebula al la indiferenta por ŝi orfejestro. Tiuj-ĉi fantomoj respektas la ideojn de la vivantoj. Ili aperas en la vestaĵo, ĉar malgraŭ, ke ĝi ne estas la parto de la korpo, tamen ĝi havas socian signifon kaj optike apartenas malgraŭ ĉio al la ekstera apero de la homo. La fantomoj respektas la ideojn de la vivantoj por ne elvoki ian troigan kontraston kun la realeco.

Multaj telepatiaj fantomoj indikas, ke temas pri la transportado, ne tiom de individuoj, kiom de iaj agordoj. Tipaj ekzemploj de tio estas aperado de la fantomoj, ekz. de la persono kun la kandelabro. Tiu-ĉi persono uzadis nokte kandelabron. Alia aperintaĵo estis videbla kun la flankkurteno, ĉar ĝuste tiu-ĉi persono almezuradis la flankkurtenon. Iafoje aperas nur iuj organoj, ekz. la fingroj de la persono eltiranta la leteron, aŭ tia vestaĵo, kian portis la persono eliganta la fantomon. La personoj vivantaj, eligantaj la fantomojn, en la momento de ĝia eligado. aŭ ne sentas sin en ia ajn agordo kaj estas sanaj, aŭ sentas sin kvazaŭ en tiu-ĉi loko, kie ili aperas, aŭ sentas ian psikan inklinon, ofte akompanatan de ia elĉerpiĝo, aŭ deprimiteco, aŭ konsci-perdo. Oni ne povas konsideri tiujn-ĉi personojn kiel malnormalajn, sed maksimume konsideri la staton, en kiu troviĝas la personoj en la momento de eligo de fantomo, sed oni ne povas fiksi tion-ĉi kiel ĝeneralan principon. Ofte la apero de la fantomo ne estas elvokita per la kunlaborado de la persono ĝin eliganta. Ofte oni renkontas ankaŭ la statojn, dum kiuj la palpo vidata en la sonĝo, aŭ pli ĝuste sentata en ĝi korespondas kun iu reala malproksima palpo, eksentita telepatie. La personoj ricevantaj la viziojn, ĝenerale ne estas la mediumoj, kvankam kompreneble la mediumoj ankaŭ estas kapablaj ricevi tiujn-ĉi viziojn. Ofte en la unua momento ili ne volas kredi la aperon de tiu-ĉi fantomo en ĝia sola ebleco deponante ĉion je iluzio, sonĝo, momenta malheligo de la konscio. Ili rakontas pri la aperintaĵo kun pedanta strikteco, trataksante diversajn, ofte flankajn detalojn kaj cirkonstancojn, kiel pri io, kio eble nur unufoje okazis. Se iam aperas al ili la fantomo de vivanta persono, ĝi ne aperas duafoje, kiam tiu-ĉi persono mortas.

Tiu-ĉi materialo ne multe taŭgas por solvi la problemon pri ekzistado, aŭ malekzistado postmorta; estas tamen riĉa fonto montranta, ke ekster la normalaj povoj ekzistas la plifortaj povoj etendiĝantaj ekster la spaco, tra miloj da meiloj, en la duan terglobon, la povoj per kiuj oni povas influi tra la distanco. Ili ĵetas lumon je vastaj, ankoraŭ nekonataj, neesploritaj regionoj de la neekkonebleco. Kun la ekkono ligiĝas ankoraŭ fenomeno, kiu sur la bazo de telepatia materialo aperas klare, kvazaŭ sur la manplato: ke la pensoj povas esti io reala, ekzistante minimume ian tempon memstare, ili povas kiel tiaj esti sendependaj ekzistaĵoj, memstariĝi kaj komunikiĝi al aliaj kaj eble iafoje kun ili kunfandiĝi, formante ian komunecon idean. Ili estas certe provizitaj per tia energio kaj de tiu-ĉi speco, kiun al ili donas la persono ilin eliganta. Se la personoj vivantaj kaj personoj en la agonio, sekve ankoraŭ vivantaj povas eligi el ili la pensojn estantajn la parto de ilia mi-eco kaj la agordon de la momento, ne estas sekve ekskluzivita la daŭrado de ĉiuj pensoj, el kiuj konsistas la tutaĵo sinteza de la travivita vivo, post la morto de la korpo, kiam la korpo tute disfalas. Ĉu tiuj-ĉi pensoj havas pli longan daŭradon kaj pli intensan streĉecon, ol la pensoj malliberigitaj de la korpo, al kiu malgraŭ ĉio ni multege ŝuldas, tio estas alia problemo, al kiu pli taŭgas la materiaj fenomenoj, sed pli trompantaj, kaj el ili pli la psikaj ol materiaj.

**Dr. Antoni Czubryński.**

Z. NOWAKOWSKI.

# HUNNOJ.

Mi trapasis nur morbilon, dum ili estis ĝuste post skarlatino kaj konstante per tiu skarlatino pikis al ni okulojn. Ke la morbilo estas nenio, nur la skarlatino estas vera malsano... Ke ili tre facile povis morti, ke eĉ ilia patrino jam ploris kaj la morbilo estas malgravaĵo, ke ĉiuj infanoj ĝin havas... Tamen ili ne! Al ili eĉ ne decas havi iun ajn stultan morbilon post la skarlatino.

Ni nur grincis pacience per la dentoj, sed mi sciis, ke ĝi tiel ne finiĝos. En Joĉjo simple bolis. Kaj ili estis ĝuste tri, kiel ankaŭ ni. Kaj ankoraŭ krom ĉio ĉi ili venis al ni en gantoj, kiujn ili intence ne demetis. nur ĉiu svingis tiel la manojn, por ke ni tiujn gantojn havu konstante antaŭ la okuloj. Kaj vestitaj ili estis kiel arlekenoj per maristaj bluzoj kaj blankaj pantalonoj. La plej aĝa Alfredo havis bastoneton, kiu nin furiigis. Ĝenerale ili estis tiaj „delikatuloj", kiel parolis nia panjo.

Eble malgraŭ ĉio estus tiu ĉi dimanĉo pasinta trankvile, se ne la cirkonstanco, ke en la ĉambron venis ilia franca instruistino kaj admonis nin, ke ni atentu je la kuzoj, ĉar ili estas apenaŭ post la skarlatino...

Joĉjo kaj Bolĉjo ekgrincis kaj la francino elirante aldonis: „Prenez garde de ne pas tacher vos pantalons!" .

Kaj tuj post ŝia eliro Romano diris al ni: Avez vous compris? Ŝi diris, ke ni ne makulu la pantalonojn. Paĉjo alportis ilin el Parizo!...

Li murfermis nin per tiu Parizo kaj momenton ni sidis silente, nur Alfredo tamburis per la bastono. Ni estus tolerintaj eĉ tion precipe, ĉar Bolĉjo, la plej aĝa el ni kaj ·ĉefo al ĉio, strange estis trankvila, diris eĉ ne unu vorton, nur konstante alrigardis strabe iliajn blankajn pantalonojn. Mi vidis, ke li ion pripensis. Kaj Romano denove komencis babili kaj dezirante nin humiligi, demandis, ĉu oni al ni dum la malsano injektis kuracilon per pinglo. Ĉar al ili oni injektis... Li kunvolvis eĉ la manikon kaj montris la lokon, sur kiu cetere ne estis eĉ signeto.

Ni havis je tio nenion por diri, do Joĉjo, por savi la situacion, diris: — Kaj nia onklo estas agonianta!... Tamen tiu informo pasis senimprese kaj eĉ Alfredo humiligis nin, kun evidenta strabo dirante: — Malgravaĵo! Morgaŭ estos la enterigo de nia avino!...

Li mensogis evidente, tamen momenton mankis al ni argumento.

En tiu kvieto Bolĉjo, silentanta ĝis nun, aŭdiĝis subite rigardante senĉese la blankajn pantalonojn de l' kuzoj:

— Kaj ni manĝas la viandon, kiel Hunnoj...

Mi ankoraŭ ne komprenis, pri kio temas, sed rimarkis, ke tiuj Hunnoj faris la impreson, ĉar Romano kaj la plej juna el ili, Deĉjo, simulante kompletan indiferentecon, demandis tuj, kio estas tiu Hunnoj.

— Ah, ĝi estas tiaj homoj, kiuj neniam malrajdas... sed vin ja tio ne interesas. Vi eĉ ne scipovas manĝi la viandon hunne...

— Ĝuste ni scipovas!

— Ne parolu malsaĝaĵojn, ĉar por tio devas esti viro, aŭ eĉ

kutimiĝi deinfane... Cetere vi estas post skarlatino, ĝi povus vin malutili...

— Ĝi estas nia afero! Ni vetu pri kio vi volas, ke ni manĝos!

— Vi malgajnos!

— Ni vidos!

Nu kaj stariĝis la veto. Pri magia lanterno kaj bastoneto unuflanke kaj pri skatolo kun papilioj kaj bengalaj alumetoj aliaflanke. Tri kontraŭ tri.

— Mi bedaŭras vin, sed vi mem deziris! — diris Bolĉjo kaj klarigis, ke viando hunna estas viando nekuirita, kiun oni metas sub la selon kaj rajdas...

— Kaj se oni ne havas la ĉevalon?

— Idioto! Nu do oni rajdas sur la seĝo!

— Prave!...

Post kio Bolĉjo sendis min, kiel la plej junan, en la kuirejon ĉar ni sciis, ke hodiaŭ por la tagmanĝo estis preparataj la bifstekoj. Suspekton ni ĵetos je Lordo, la hundo de niaj narbaroj, kiun ni cetere iel estos defendantaj. Mi iris kaj reveninte post momento kun la viando trovis jam preta la aventuron, ĉar Bolĉjo kaj Joĉjo sukcesis alkonduki tiujn en tian furion, ke ili kriis plengorĝe: Tamen ni manĝos! Vi vidos!...

— La francino malpermesos al vi! Vi timas ŝin!

— Francino?! Mademoiselle! Se vi ankoraŭ foje diros similaĵon, mi!...

— Laŭdire ŝi batas vin!...

Ili estus ĵetintaj sin reciproke al la gorĝoj, se mi ne estus alportinta la viandon. Ankoraŭ Joĉjo por pli instigi diris, ke li ne insistas, ke la plej juna, Deĉjo, ankaŭ manĝu, ĉar li estas tro malgranda... Sed Deĉjo ekploris pro ambicio kaj por lin kvietigi ni devis permesi, ĉar kontraŭe la francino povus aŭdi el alia ĉambro lian ploron kaj ĉio malsukcesus. Do mi metis por ili sur la seĝoj tri viandopecojn. Ili volis, ke ni ankaŭ prenu po peco, tamen Bolĉjo ne konsentis dirinte, ke ja ne ni vetis sed ili. Kaj cetere ni manĝas tion ĉiutage. Ili devis cedi. Ili sidiĝis do sur la seĝoj kiel sur la ĉevaloj kaj komencis rajdi ĉirkaŭ la salono en obstina, nuba silento.

— Nur memoru, ke vi devas formanĝi ĉion ĝis la lasta peceto! — admonis Bolĉjo.

— Ne timu, ĝi estas nia afero!

Kaj ili rajdis ĉirkaŭ la tablo kaj ni sufokiĝis pro rido. Post momento Alfredo haltis kaj demandis, ĉu eble sufiĉas.

— Ankoraŭ tro malmola! Oni devas bone frapi, ĉar ĝi povus al vi malutili! Vi estas ja post skarlatino...

Kaj denove galopo! Subite Bolĉjo sidanta sur la fortepiano diris kun satana rideto:

— Prenez garde de ne pas souiller vos pantalons!

Ili haltis la troton kaj malsidiĝis de la seĝoj por alrigardi la parizajn pantalonojn... La vido estis terura!

— Ĉu vi memoras la pavianon el la zoologia ĝardeno? — diris Joĉjo kaj Bolĉjo mortridante aldonis:

— Mademoiselle operacios la haŭton, kiam ŝi ekvidos! Comprenez vous?...

Deĉjo komencis plori, sed la du pli aĝaj en ŝtona kvieto eksidis sur la seĝoj kaj pluen! Jam nin ĉio doloris pro rido, tial ni diris: Sufiĉe!

— Ni mem scias, kiam estos sufiĉe! Ni ne bezonas viajn stultajn konsilojn!

Dume de unu seĝo defalis la piedo, la apogilo de l' alia difektiĝis kaj Deĉjo ŝvelis pro laciĝo. Cetere la viando „devis" jam esti preta, do ili ĉesis pluan rajdadon.

— Sed vi devas formanĝi ĉion, ĉar alie vi ne ricevos la magian lanternon! — minacis Bolĉjo.

— Ne timu!

La Hunnoj komencis la festenon kaj baldaŭ paleco kovris iliajn vizaĝojn, kiam subite malfermiĝis la pordo kaj sur la sojlo aperis mademoiselle dirante: Venez, venez mes enfants... Sed la voĉo rompiĝis en ŝia gorĝo! Cetere ŝi venis ĝustatempe... Tuj ŝi divenis, ke ni estis ion friponintaj, do ŝi ordonis al la knaboj tuj foriri. La tuta trio, Alfredo, Romano kaj Deĉjo retiriĝis tiel, ke oni ne rimarku la pantalonojn, sed post kelkaj paŝoj ĉio montriĝis... La instruistino ekkriis tiel terure, ke tuj alkuris la patrino de tiuj knaboj kaj la nia.

La adiaŭo estis mallonga, sed ni ne revidis nin plu longajn jarojn... Kaj la panjo, kvankam ĉagrenita kaj depost kelkaj tagoj nerve ekscitita, diris nur al ni, ke tio estis niaflanke malbela. Kaj poste aldonis, ke ni eĉ ne komprenas, kiajn klopodojn ŝi havos pro tio...

Tamen post momento, kiam ni rakontis ĉion, ŝi ekridetis malgraŭvole, ĉar ŝi ne tre amis la kuzojn... Kaj poste alrigardis la horloĝon kaj diris:

— Leciono!

Tiun tagon la tagmanĝo estis sen bifstekoj... Formanĝis ilin la Hunnoj...

El la pola lingvo tradukis
**Baroko.**

# EKESTU PRILINGVA DISKUTO, SED NE DISPUTO.

La preparata nun en Kraków 23-a Universala Kongreso de Esperanto vole-nevole tuŝas la aferon, kiu per sia enhavo apartenas al gramatikaj pripensoj, ĉiam aktualaj kaj vivemaj. Prezentante ĉi-sube koncernan temon ni petas interesatojn konatiĝi al ni siajn opiniojn. Unualoke ni petas Lingvajn Komitatanojn ne nur polajn, sed precipe eksterlandajn, kiuj povos prijuĝi la aferon laŭ sia vidpunkto, diferenca eble de nia, pola.

Jen nia tezo: Skribante en artikoloj polajn geografiajn proprajn (aŭ tiujn de homoj) nomojn, ni preferas ne uzi esperantistiĝitajn formojn, sed restiĝi ilin senŝanĝe laŭ pola skribmaniero, ĉar ni opinias, ke kripligado de tiuj nomoj por alkonformiĝi ilin al aliaj vortoj en esperanta lingvo, estas tre malĝusta kaj ofte ridindiganta esperantan lingvon. Konsiderante tamen, ke eksterlandanoj ne povus ilin legi, ne konante leĝojn de pollingva ortografio, plejparte krom la originale en pola lingvo skribitaj nomoj ni prezentas ankaŭ enkrampe ĝustan prononcmanieron, nature, se nur eble estas ĝin prezenti per konataj en esperanto sonoj. Se ne estas eble prezenti precize ĝustan legmanieron, pro manko de iuj sonoj en esperanto, ni anstataŭigas ilin, elektante kiel eble plej similajn.

Sajnas al ni, ke la afero ĝis nun estas tre simpla kaj ni estas plene pravaj. Malfacilaĵo aperas, se ni de iu nomo volas formi denoman adjektivon aŭ akuzativon. Tiam eble plej bone estus apostrofi la nomon kaj post la apostrofo meti koncernan finaĵon, sed ĉar pola ligvo abundas pri konsonantoj, povas okazi, ke al du aŭ tri ĉefinaj konsenantoj de iu nomo, oni devus krome aldoni la akuzativan „n", kio certe por nepoloj estus absolute ne prononcebla. Do kion fari?

Oni devas nepre trovi ian elirvojon taŭgan por ĉiuj propraj nomoj, kaj ne solvi la demandon duone. La regulo devas esti klara, simpla kaj ĉiam aplikebla.

La formo „VARSOVIO" por la nomo de la urbo „WARSZAWA" (Varŝava) ŝajnas al ni ne ĝusta. Ni demandu kial por tiu nomo preni kiel bazon la nomon de tiu urbo el franca lingvo kaj ne el alia, kaj anstataŭ serĉadi ĉe fremdaj fontoj kial ne preni el pola lingvo. Ĝi ja estas ĉi-okaze plej rajta kaj donas al ni tre bonan formon, kompreneblan por ĉiuj „VARŜAVO".

Io simila koncernas ankaŭ la nomon de la urbo Białystok, kiun estas neeble skribi per esperantaj literoj kaj kiun oni pli malpli devas prononci kiel Bjaŭistok, ĉiuokaze ne Bjelostok, ĉar ĝi tro koleriĝas tiujn, kiuj freŝe tenas en sia memoro longedaŭran malliberecin kaj ne ŝatas ĝiajn postlasajojn (ĉi-kaze rusajn).

Alie pensas aŭtoro de ĉi poŝtkarto, el kiu ni citas koncernaĵon:

...En Via lasta pk-o Vi skribas: „Tylko nie Bielostoko"*). Eble! (kvankam mi havas mian specialan opinion en tiu afero). Mi ne altrudas al Vi mian opinion. Sed kial Vi altrudas al mi **vian opinion** (n. b. tre malĝustan) kaj en **mia** artikolo korektas la vorton VARSOVIO je VARŜAVO? Mi subskribis la artikolon kaj tio aspektas kvazaŭ mi mem volas disvastiĝi tiun (vandalan!) formon (kiel al vi plaĉus: Pario? Marsejo? Njujorko? k. t. p.). Mi ne rajtas malpermesi al vi uzadi ĉiajn formojn en viaj artikoloj... Sed kial vi kripliĝas la miajn? Ĉar, se rilate la formon Warszawa mi ankoraŭ (kvankam malgraŭvole!) **toleras**, do jam certe la formon VARŜAVO mi konsideras vandalismo. Bonvolu diri al tiu, kiu korektis (?), ke mi ne estas ravita...

Eble la aŭtoro de tiu pkarto aprobus ankaŭ la formon „Sajbuŝo" por la nomo de la urbo „Żywiec" (Ĵivjec), kiun la okupaciintoj alibaptis je „Saybusch", kiu ja ankaŭ estas tute fremda kaj similas laŭ sia konstruo al la vorto „Varsovio" — nek pola, nek franca kaj ne tute esperanta, ĉar ne internacia.

Malkolereme, kun propra al si indeco kaj trankvileco skribas ĉiafere nia estimata Prezidanto de Lingvaj Komitato kaj Akademio:

Tre Kara Kolego. Ĉar la vorto „Varsovio" estas jam longe uzita kaj uzata ĝin kondamni la Akademio ne rajtas.

Sed aliparte la plenan rajton vi havas, eĉ en oficialaj dokumentoj uzi la formon „Varŝavo", kiu estas pola kaj tre simila al la germana kaj angla formoj. Se iom post ĝia uzado (Varŝavo) fariĝos ĝenerala, la antaŭa formo: Varsovio — ne internacia — arkaiĝos kaj tiun arkaiĝon konstatos la Akademio.

Tutkore kaj fidele via Th. Cart.

En „Vegeterano", oficiala Organo de la Internacia Vegetara Ligo Esperantista ni trovis jenan rimarkon:

Stranga estas la obstina uzo de ĉiam malĝuste elparolataj naciaj nomoj por urboj de internacia kaj Esperantuja famego. La uzantoj de tiaj nomoj ne komprenis, ke Esperanto estas literatura kaj plene memstara lingvo, kiu ankaŭ al gravaj geografiaj lokoj devas doni internacian nomon laŭ sia propra strukturo.

* * *

Mi scias, ke mi metis la bastonon en formikejon... Hi, hi..! Sed bonvolu respondi presigeble. Laŭ ricevita materialo prilaboris **Gufo.**

# AL VARSOVIAJ SAMIDEANOJ!

En novembra numero de P. E. de 1930 j. estis artikolo s. t. „Antaŭ la 15 decembro". La subskribinto (Fozo) „ĵetis la ideon por pliĝustiĝi la solenecon de Zamenhofaj festoj". Li proponis fondi la grandan Esperanto-Klubon en V-io. Kaj kio okazis? Artikolo estas presita, samideanoj tralegis ĝin (eble) kaj... silento. Sed kial? Ĉu Varsoviaj samideanoj dormas? Ĉu ili ne deziras unuiĝon? Ĉu esperantaj societoj en Varsovio deziras esti izoluloj? Ŝajnas, ke ili ne havas kuraĝon.

Oni ofte aŭdas, ke en Varsovio la esperantaj societoj vegetas. Sed ĉu ili vegetadus, se ili unuiĝus. Certe ne.

Imagu, ke en Varsovio jam ekzistas la Esperanto-Klubo. Kion ni atingas pro tio? Aŭskultu: Ekzistas unu loko kie kunvenas ĉiuj Esperantistoj (ŝajnas, ke grave). Poste ĉe la Esperanto-Klubo estas fonditaj sekcioj ekz: oficistaj, laboristaj, religiaj klp., kiuj havas kunvenojn en diversaj tagoj de semajno.

Estas ankaŭ unu granda biblioteko. La biblioteko fariĝis post unuiĝo de ĉiuj varsoviaj esperantaj biblioteketoj.

Ekzistas ankaŭ legejo, en kiu troviĝas diversaj esperantaj kaj nacilingvaj ĵurnaloj.

*) : nur ne Bielostoko.

La eldonejo, kiu eldonas librojn, propagandilojn, poŝtkartojn ktp. Ilustritajn-poŝtkartojn oni eldonas konstante, ĉar multaj Esperantistoj korespondas kun eksterlando.

Poste ekzistas ankoraŭ ĥoroj, drama rondo ktp. Ŝajnas. ke sufiĉe.

Mi donis al vi tiun-ĉi bildon kaj petas respondon. Eble kelkaj diros, ke tio estas fabelo, fantazio, sed ĉu tiu fantazio, ne povus esti realeco? Certe povus esti. Iomete da bona volo por nia kara lingvo Esperanto!

Varsovianoj kuraĝu, prenu kune manojn kaj fondu Esperanto-Klubon!

Alproksimiĝas Universala Kongreso en Kraków. Samideanoj de ĉiuj mondflankoj estos tri tagojn ankaŭ en Varsovio kaj kio okazos? Ekzistas en Varsovio 6 esperantistaj societoj. Ĉu ili povos bone gastigi ilin.

Ekzistas Loka organiza komitato por bone gastigi la alvenontajn eksterlandajn samideanojn. Ĉio en ordo, sed oni devas helpi ĝin. Kaj bona helpo estas al ĝi la Esperanto-Klubo en Varsovio.

Do Esperantistoj! Maljunuloj kaj junuloj! Riĉuloj kaj malriĉuloj Laboruloj, senlaboruloj! Mi vin alvokas!

Vekiĝu kaj kun koro kaj forto iru al la celo!

La Esperanto-Klubo fariĝu al Vi la grava celo!

**Roman Ignaciuk.**

# INTERNACIA ESPERANTO-MUZEO EN WIEN

en sia nova hejmo je dispono de la tutmonda esperantistaro!

**En Wien I., Neue Berg, Heldenplatz** (jen la adreso)

la ŝtato Aŭstrio kun kostoj de sv. fr. 9.000.— instalis por eternaj tempoj (laŭ kontrakto kun Ministerio por Instruaferoj) belan, indan hejmon, por kiu la tutan elegantan meblaron disponigis la administracio de Hofburg (iama imperiestra kastelo!)

La 1. de aŭgusto 1929 okazis la inaŭguro de IEMW flanke de la protektoro, Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, s-ro Wilhelm Miklas. Dum la aŭdienco, la Prezidanto en ĉeesto de kanceliero Streeruwitz akceptis la reprezentantojn el diversaj landoj! Unika okazintaĵo, okazinta la unuan fojon en la E.-movado, ke ŝtatĉefo akceptas la esperantistaron!

Altranguloj el la diversaj medioj kaj landoj estas en la Internacia Honora Komitato de nia IEMW.

Pli ol 3000 libroj, broŝuroj ktp., pli ol 100 diversaj gazetoj estas en la legejo je dispono de la esperantistoj! IEMW estas aligita al fama Nacia Biblioteko kaj tio garantias, ke nenio perdiĝos!

**Ĉiu samideano, ĉiuj grupo, societo, ligo ktp. estu membro de IEMW** kaj per tio helpu, ke IEMW havu ĉiam la kapitalon necesan por korekta funkciado.

Nur du kategoriojn de membroj havas IEMW: a) **Dumviva** por la samideanoj, b) **Dekjara** por grupoj, societoj, ligoj, ktp.

**Ĉiu** pagos **unufoje, aŭ. S 15.**— (sv. fr. 11.—). a) por **ĉiam**, b) por **dek jaroj** kaj rekompense ricevos: 1. **membrokarton**, 2. la numeron de Aŭstria Esperantisto, en kiu estos anoncata sia aliĝo, 3. 2—3 **fotografaĵojn** pri la ekstero kaj interno de IEMW, 4. ĉiujare la oficiale en Aŭstrio aperontajn gvidfoliojn (ĉijare ankoraŭ du), 5. en 1931 **Adresaron** pri la Honora kaj Kuratora Komitatoj, pri **ĉiuj membroj, grupoj, asocioj ktp.**, kiuj aliĝis, 6. en la sekvontaj jaroj **Aldonon al Adresaro** kun la novaliĝintoj kaj adresŝanĝoj.

Ĉiu **E.-gazeto kaj eldonejo**, kiuj regule sendas siajn eldonaĵojn, estos menciataj.

**Do ne hezitu, ne prokrastu vian aliĝon kaj varbu ankaŭ aliajn!**

Kiu krome sendos materialon kian ajn por IEMW, ricevos oficialan dankleteron flanke de Nationalbibliothek en Wien kun kvitanco pri la donacita materialo!

Por ke **ne manku** en la legejo iu E.-gazeto, la gazet-eldonejoj afable sendu regule siajn gazetojn.

Por ke almenaŭ en unu loko de la mondo estu **ĉiu E.-verko** legebla kaj havebla, la eldonejoj afable sendu la ĝis nun aperintajn verkojn kaj regule la aperontajn! Kelkaj jam agas tiel! Ni publikigos iliajn nomojn en la gazetaro kaj en nia adresaro!

Informu pri ĉi tiu grava afero viajn korespondantojn, invitu ilin al aniĝo kaj sendado de materialo. Sendu afable al ni iliajn adresojn!

**Ĉu ni vin ankoraŭ longe devos atendi?**

Por **„Internacia Esperanto-Muzeo en Wien"**

Registara konsilanto Hugo Steiner Prezidanto kaj fondinto.

# GAZETOJ PRI LA 23-a EN KRAKÓW.

Nia kongreso jam en kelkaj esperantaj kaj naciaj gazetoj estis samtempe priparolata.

**Heroldo de Esperanto** en sia 5-a n-ro presiĝis tutan sufiĉe longan intervjuon ku Białystoka Vojevodo, en kiu estas priparolata ankaŭ la Zamenhofa monumento-festo dum la Postkongreso, kiu estas vere vidinda okazintaĵo, je kiu devus ĉeesti multaj gekongresanoj.

**Germana Esperantisto,** priparolante la programon de la 23-a en Kraków, samtempe sciigas pri la 20 Germana Esperanto Kongreso en Hamburg, dum Pentekosto. Jam estas anoncita la programo, kiu enhavas interesajn fakkunsidojn kaj ekskursojn. Estas dezirinde, ke eksterlandanoj vizitu la Kongreson, ĉar tio incitas al esperantlingva parolado. Ĝenerale naciaj kongresoj trouzas naciajn lingvojn. Unika okazo ne nur paroli esperante, sed ankaŭ pli intime kaj amike prikonsideri diversflankajn internaciajn okazintaĵojn, estas ĉiujaraj kongresoj internaciaj. Kiam naciaj kongresoj pli ofte estos vizitataj de alicianoj, oni havos pli ofte okazon paroli ne nur esperante sed ankaŭ esperantideeme.

Speciale por disvastigo de esperanto estas valoraj ne-esperantaj disvastigitaj gazetoj. Ĝis nun ni havas nur unu solan, kiu regule parolas por esperanto kaj eĉ komencas paroli per esperanto. Tiu organo estas franca ĵurnalo **L' Eclaireur du Soir** en Nice, kiu ĉiusemajne jam de kelkaj jaroj eldonas esperanto-angulon. En unu el la lastaj n-roj ni trovas grandan artikolon pri nia 23-a Kongreso en Kraków.

Ni tre bedaŭras, ke nun pro manko de loko ni ne povas pli detale priparoli diversajn artikolojn en diversaj gazetoj. Ni atentigas legantaron pri la n-ro I. de Germana Esperantisto, kiu detale priparolas la esperanto-movadon dum la pasinta jaro.

Diverslanda esperanto gazetaro donas pli kaj pli multe da tre valoraj komunikajoj, kiuj pruvas ke la movado per- kaj por- esperanta disvolviĝas.

# RECENZOJ.

**Literatura Mondo** reaperis! ĉiuj samideanoj kun granda ĝojo akceptas novajon memorante antaŭan belstilan, riĉenhavan revuon, veran artistan juvelon en nia esperantista mondo.

La nomoj de redaktantoj kaj kunlaborantoj donas al ni garantion, ke la reviviĝinta revuo estos samvalora se ne pli valora ol antaŭa.

**Julio Baghy, Kolomano Kalocsay** ĉefredaktoroj kun la tuta aro de unuarangaj aŭtoroj el ĉiuj landoj certe disvastigos la famon de memstara esperanto verkado. Estas nur devo de ĉiuj subteni materiale la aferon por ne lasi niajn hungarajn samideanojn sole subtenantaj valoran entreprenon. Nia Redakcio sendas samtempe 15 zl. kiel abonprezon por la 1931.

En la estonta n-ro de Pola Esperantisto ni pli detale priparolos la enhavon de la Revuo.

**Esperanto lernolibro por popollernejoj** laŭ rekta metodo verkita de Arthur Degen laŭ komisio de la Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj. Unua parto: 1-a kaj 2-a lernjaro. Kun bildoj de Ernst Kutzer. Eldonis Ferdinand Hirt et Sohn — Leipzig. Esperanto fako. 1930. Paĝoj 67. Prezo por kartonita ekzemplero: RM 2.—

Unu el plej bonaj, belaj kaj interesaj lernolibroj, kiujn mi entute ĝis nun vidis. La eksteraĵo mem estas tre alloga. Tre belaj ilustraĵoj, el kiuj multaj estas kolorigitaj, interesa enhavo, laŭgrade, bonmetode dozataj gramatikaĵoj rekomendindigas la libron al ĉiuj, kiuj havas okazon gvidi la kurson en popollernejoj por infanoj. Ĉio estas skribita nur en esperanto, tial la libro estas ĉie aplikebla. Ni trovas tie ankaŭ muziknotojn ebligantajn instrui kelkajn melodiojn; mi bedaŭris nur, ke ne ĉiuj kantoj kunhavas enpresitajn notojn, sed kelkloke troviĝas rimarkigoj laŭ kiu germana melodio oni devas ĝin kanti. Bone sed ne ĉiuj ĝin konas kaj aĉeti aparte la koncernan kantaron kaŭzas pluan elspezon. Tio tamen estas neniaĵo kompare kun la plusaj ecoj, kiujn la libro abunde posedas.

**Laksmishvar Sinha — Bengalaj fabeloj.** Eldona Societo Esperanto, Fack 698, Stockholm 1. Paĝoj 39. Prezo 1 kr.

Tri ĉarmajn fabelojn enhavas la libreto, skribita de la hinda samideano, kiu jam baldaŭ vizitos nian landon, por prelegi pri sia patrujo kaj ĝiaj enloĝan-

toj. Kelkloke ni trovis nekutimajn metaforojn garnantajn interesan per si mem enhavon.

**Julie Supichowa. Legu kaj parolu.** Esperanto-legolibro. Solo a Simacek Praha.

Ni tre rekomendas tiun bonegan libreton por komencantoj kaj por dezirantaj ekzercadi en la lingvo post finita esp.kurso. La libreto malkosta enhavas rakontojn el bonstilaj aŭtoroj.

# 23 a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## Kraków 1—8 aŭgusto 1931.

**BULTENO.** **20 FEBRUARO 1931.**

**ADRESO POR LETEROJ:** Universala Kongreso de Esperanto, Kraków, Lubicz 34.

**PROTEKTORARO.** Protektorecon de la Kongreso bonvolis akcepti profesoro de la politekniko, s-ro Ignacy Mościcki — prezidanto de Pola Respubliko kaj s-ro Józef Pilsudski — unua Marŝalo de Polujo kaj Ministro de militistaj aferoj.

**ŜTATA HONORA KOMITATO.** La honoran komitaton bonvolis ĝis nun eniri s-ino Aleksandra Pilsudska — marŝaledzino, s-o dro Stefan Hubicki — ministro de laboro kaj socia prizorgo, s-o inĝ. Alfons Kühn — ministro de komunikado, s-o dro August Zaleski — ministro de ekstero, s-o generalo Roman Górecki — direktoro de Bank Gospodarstwa Krajowego (Banko de nacia mastrumado) kaj prezidanto de FIDAC. Kompletigo de la listo aperos post ricevo de pluaj informoj.

**LOKA KONGRESA KOMITATO** konsistas el s-o dro Odo Bujwid — universitata profesoro — **prezidanto;** s-o inĝ. Edward Kostecki, direktoro de industria lernejo kaj s-o inĝ. Eugenjusz Tor — **vicprezidantoj.** S-o Tadeusz Hodakowski, gimnazia profesoro kaj Lektoro de Esperanto ĉe la loka universitato — **ĝenerala sekretario;** s-o Stanislaw Rudnicki — **administra sekretario.** Krome estas fiksitaj 5 sekcioj nome: propagand-gazetara, loĝeja, ekskursa, amuza kaj de kursgvidado kaj iliaj estroj estas samvice: s-o Józef Toczyski, s-ino Julja Neuberg, s-o dro Tadeusz Piotrowski, s-o Jerzy Sowiński, s-o dro Leopold Dreher.

**KOTIZO.** Por ĉiu kongresano 44 zloty (egalas proksimume 20 ŝil. britaj, 125 francaj frankoj, 20 germ. mark., 12 nederl. guld., 25 svis. fr. 5 usonaj dolaroj). Oni sendu la kotizon antaŭ la 1-a de julio, ĉar post tiu dato la kotizo estos je 50 proc. pli alta. Plej oportune estas sendi la kotizon per poŝta ĉeko je. la konto de 23-a Universala Kongreso de Esperanto n-ro 410.975. Informu vin ĉu el via lando oni povas sendi tiamaniere. Oni povas ankaŭ sendi je bankkonto: Bank Gospodarstwa Krajowego, Kraków. Se en via loko banko ne ekzistas, sendu per internacia poŝtmandato aŭ registrita letero.

**ALIĜOJ:** ĝis nun aliĝis 82 personoj (vidu la suban liston).

Al kongresanoj, kiuj pagis la kongresan kotizon L. K. K. sendis provizoran kongresan karton. Personoj, kiuj ĝis nun ne ricevis, bonvolu sciigi pri tio la komitaton.

**PASPORTOJ.** Ministerio de ekstero decidis per reskripto N-ro P. VI. 93/31, ke ĉiuj partoprenantoj de la kongreso ricevos senpagajn polajn vizojn, montrante nur siajn aliĝkartojn.

**FERVOJRABATO.** Jam nun LKK ricevis promeson de fervoja ministerio, ke la kongresanoj ricevos 50 proc.-an rabaton de normala biletprezo. Detaloj sekvos.

**LOĜADO.** L. K. K. por respondi al diversaj postuloj de la kongresanoj preparas kelkajn specojn de loĝejoj, kiel hoteloj, pensionoj, privataj loĝejoj kaj komunaj loĝejoj. La prezoj de la hoteloj estas:
Pensionoj de 2 kategorioj entenas loĝadon, servadon, maten- kaj tagmanĝon kaj kostas zl. 11 kaj 12 potage. Privataj loĝejoj estos divitaj en 4 kategoriojn kaj kostos de zł. 5 — 8. Prezoj de komunaj loĝejoj estos zł. 2 — 4. Estas preparataj specialaj mendiloj de la loĝado, kun ĉiuj detaloj, kiuj estos dissendataj al ĉiuj aliĝintoj.

**JURNALO.** Ĉiu aliĝinto al la kongreso ricevas senpage tuj post sia aliĝo la revuon Pola Esperantisto, kiu estas oficiala organo de LKK.

**BLINDULA KASO.** Por ebligi al blinduloj partoprenon al la kongreso s-o

Sennomulo enpagis 50 zł., Societo Esperanto en Kraków 22.50 zl. kolektitajn dum la Zamenhofa festo.

**DONACOJ.** LKK volonte akceptos donacojn, por plensukcesigi la kongreson. Jam enpagis s-o Sennomulo 50 zł kaj s-o Pęksa el Czarny Dunajec 6 zł.

**Tadeusz Hodakowski, ĝenerala sekretario.**

**(Plua listo de la aliĝintoj).**

39. Höke Fritz, dro, Wuppertal-Elberfeld, Charlottenstr. 72, Germanujo.
40. Jung Teo, Brüsseler Str. 94, Köln a. Rh., Germanujo.
41. Stromboli Alfredo, Lungarno Regio 17, Pisa, Italujo.
42. Grzywińska Helena, s-ino, Karmelicka 9, Kraków, Pollando.
43. de Lange Henriette, s-ino, s' Gravenhage, Aert v.d. Goesstraat 38, Nederlando.
44. Weinsberg Rena, s-ino, św. Anny 9, Kraków, Pollando.
45. Kupczyński Tadeusz, dro, Kuratorjum Szkolne, Kraków, Pollando.
46. Zamenhof Feliks, Marszałkowska 48, Warszawa, Pollando.
47. Zamenhof Helena, s-ino, Marszałkowska 48, Warszawa, Pollando.
48. Zamenhof Zofja, d-rino, Królewska 41, Warszawa, Pollando.
49. Zamenhof Lidja, f-ino, Królewska 41, Warszawa, Pollando.
50. Zamenhof Leon, Marszałkowska 125, Warszawa, Pollando
51. Zamenhof Leokadja, s-ino, Marszałkowska 125, Warszawa, Pollando.
52. Muszkatblatówna Paulina, d-rino, Krochmalna 15, Warszawa, Polujo.
53. Juchniewicz Aleksander, Święciany Wileńskie, Pollando.
54. Kubillus Margarette, s-ino, Hinter Tragheim 64, Königsberg i. P., Germanujo.
55. Salamon Marja, f-ino, Ś-to Jerska 30, Warszawa, Pollando.
56. Pończa Józef, Ropica 64 apud Cesky-Tešin, Ĉeĥoslovakujo.
57. Słowikówna Kazimiera, Mazowiecka 9, Kraków, Pollando.
5,. Wiesenberger Ignacy, Powiśle 12, Kraków, Pollando.
59. Srebrna Luiza, s-ino, Dietlowska 11, Kraków, Pollando.
60. Sakowicz Roman, Mława, Pollando.
61. Hodakowski Tadeusz, Jabłonowskich 10/12, Kraków, Pollando.
62. Kutscher Ludwik, Grodzka 9, Kraków, Pollando.
63. Saget Georges, Elboeuf, S. Infer., 4 rue St. Jacques, Francujo.
64. Sievers Hans, eksministro, Neuer Weg 1, Braunschweig, Germanujo
65. Leadley Brown Cicely, f-ino, Wallasey Egremont Prom N. 21, Cheshire, Anglujo.
66. Zamenhof Adam, d-ro, Królewska 41, Warszawa, Pollando.
67. Zamenhof Wanda, d-rino, Królewska 41, Warszawa, Pollando.
68. Szapiro Jakób, Lipowa 33, Białystok, Pollando.
69. Broder Henryk, d-ro, Dworcowa 18, Katowice, Pollando.
70. Sowiński Jerzy, Sienkiewicza 8, Kraków, Pollando.
71. Tor Eugenjusz, inĝ, Smoleńsk 11, Kraków, Pollando.
72. Kostecki Edward, inĝ, aleja Mickiewicza 5, Kraków, Pollando.
73. Torowa Katarzyna, s-ino, Smoleńsk 11, Kraków, Pollando.
74. Kostecka Jadwiga, s-ino, aleja Mickiewicza 5, Kraków, Pollando.
75. Kuhl Bronisław, Fabryka tytoniu, Dolne Młyny, Kraków, Pollando.
76. Bovier Emilie Caroline, J-ino, str. Euzebius Buitensingel 49, Arnhem, Holando.
77. Bovier Boudewine Jacqueline, J-ino, v. Boetzelaan 18, Hago, Holando.
78. Satchell C. H. H., Grove Road 7, Leytonstone, London, Anglujo.
79. Gehrman Joseph, Recklinhausen III, Ortlohstrasse 40, Westfalen, Germanujo.
80. Blassberg Maksymiljan, dro, Starowiślna 18, Kraków, Pollando.
81. Borucka Marja, s-ino, Smoleńsk 26, Kraków, Pollando.
82. Zieliński Franciszek, św. Marka 16, Kraków, Pollando.

**Laŭlanda statistiko de l' aliĝintoj:** 12 Anglujo, 1 Aŭstrio, 2 Ĉeĥoslovakujo, 3 Francujo, 6 Germanujo, 2 Hungarujo, 2 Italujo, 8 Nederlando, 40 Polujo, 1 Saarteritorio, 3 Skotlando, 2 Usono.

# INTERNACIA ESPERANTA POSTKONGRESO EN WARSZAWA.

## BULTENO N-o 2.

**DATOJ:** Postkongreso okazos de la 9-a ĝis 11-a de aŭgusto 1931. La postkongreso estas organizota tiamaniere, ke la postkongresanoj povos ĝui ĉiujn arangojn de la Universala Kongreso en Krakovo kaj senĝene veni Varsovion.

**KOTIZAĴO:** por persono estas 8 (ok) zlotoj aŭ egalvaloro. Post **la 1-a de** julio — 12 (dekdu) zlotoj aŭ egalvaloro. Studentoj kaj lernantoj, posedantaj konformajn legitimiĝojn je 50 proc. malpli. Do, aliĝante tuj vi ŝparos al vi la monon kaj al ni — la laboron.

**ALIĜILOJ:** estas riceveblaj pere de ĝravaj naciaj esperantaj organizaĵoj, gazetoj aŭ senpere de la Loka Organiza Komitato.

**MANĜADO:** en Varsovio, kiel ĝenerale en Polujo, estas malmultekosta. Tagmanĝoj estas riceveblaj de 1 zl. 20 gr.

**LOĜEJOJ:** La Loka Organiza Komitato zorgas pri malmultekostaj loĝejoj. En tre bona hotelo — ĉambro 9 zlotojn por tago. En luksaj, kompreneble, pli multe.

**PROGRAMO:** de la Postkongreso antaŭvidas solenaĵon ĉe la tombo de Zamenhof, koncerton, gvidadon tra la urbaj vizitindaĵoj (muzeoj, kasteloj) k. t. p.

**ADRESO:** Internacia Esperanta Postkongreso en Varsovio (Polujo), **Widok 19,** telefono 234-84.

**REPRESO:** de tiu ĉi bulteno estas petata.

**Vizitu Varsovion, la ĉefurbon de Polujo.**

**Loka Organiza Komitato.**

# POLLANDA KRONIKO.

**BYDGOSZCZ.** En la monata kunveno januara de la loka Societo Esperanto okazis nov-elekto de la estraro, konsistanta el: Dr. Lewiński — prez., Prengel — vicprez., Wypijewski — sekretario, Ezopówna — vicsekretariino, Pfefferkorn — kasisto, Novak — vickasisto. Dum la kunveno parolis juna fervora samideano Heinz Reinhold pri „Impresoj dum la lasta Internacia Esp-o Kongreso en Oxford", alvokante samtempe la ĉeestantojn al multnombra vizito de la nunjara mondkongreso en Kraków. — La loka gazetaro favore raportas pri nia movado.

**KRAKÓW.** Tre interesan prelegon pri esperanto aŭdigis ĉi tie f-ino Lidja Zamenhof speciale veninta el Warszawa. Post la prelego okazis provleciono laŭ la Ce-metodo. Kelkaj novaj kursoj estas nun gvidataj. En la ĵurnalo „Ilustrowany Kurjer Codzienny" aperadas esperanto-anguleto.

**Pola Radio disaŭdigos la 5-an de marto je 15.50 h. prelegon de prof Bujwid el Kraków per ĉiuj pollandaj Radiostacioj s. t. „Esperanto trans la Oceanoj".**

**LUBLIN.** Du elementaj E. Kursoj 1) publika kaj 2) speciala por fervojoficistoj finiĝis kun kontentiga rezulto. La finintoj aliĝis ĉu la Pola Esp. Asocio ĉu al „Ligo de Esp. Amikoj" ĉe P. E. A. Filio en Lublin kaj komencis viglan korespondadon kun eksterlandanoj. Kunvenejo estas apud str. Krak. Przedm. Nr: 60 cuk. „Warszawska" tel. 16.07. — Dum la pasinta 1930 jaro vizitis nian urbon 6 aliurbaj esperantistoj. „Pomocniczy Język Światowy" faris tre bonan impreson. Alsenditaj ekzempleroj estis tuj disvendataj.

**LWÓW.** La 29. I. okazis en la societejo prelego de dro Fels s. t. „La hinda medicino". Ĉeestis multaj gastoj. Entute regas nun vigla movado en nia klubejo. Nuntempe okazas kelkaj esper. kursoj, kiujn gvidas niaj fervoraj samideanoj: f-ino Nadel, s-ro Lewicki kaj s-ro Szapira. Krom la kunvenoj en la societejo oni kunvenas ĉiusabate ankaŭ en „Szkocka" kafejo, kaj parolante esperante, faras tiamaniere propagandon inter la gastoj.

**ŁÓDŹ.** La 25-an de januaro en la gimnazio de Piłsudski prelegis f-ino Lidja Zamenhof pri esperanto. Ĉeestis 200 personoj. E.-kurson partoprenas 50 personoj. Skolta kurso organiziĝas.

**STASZÓW.** Dank' al fervora laboro de niaj samideanoj E. Laskowski (prezidanto de loka invalida asocio) kaj M. Rizenberg del. de UEA oni organizis esp.-societon La estraron eniris s-oj J. Zalcman, E. Goldberg, kaj M. Rizenberg. La libraro de l' societo konsistas jam el 100 volumoj. La societon subtenas s-ro M. Witkowski nova samideano kaj estro de loka hebrea lernejo.

**WARSZAWA.** Lastmomente ni ricevis sciigon, ke en Varŝava publika lernejo n-ro 83 laŭ la decido de lerneja inspektoro n-ro 15112 estas enkondukita nedeviga instruado de E-o. Iniciatis la aferon s-o Hecht, instruas s-o Gutman. 30 lernantoj.

# EL LA GAZETARO.

**Glossa.** (lingvo internacja) ofic. Organo de Helena Esperanto Asocio. N-ro 8 indignas ke kelkaj fremdlingvaj lernejoj en Greklando trouzis ĝian rajton kaj en la lernejo agadis kontraŭ la ŝtato. Tute ne tolerebla agado.

„Neniu dubo, ke la instruado devas okazi en la direkto de interpopola repacigo kaj reciproka estimo. Inside altrudi al la infanoj de la fremdlando viajn naciajn aŭ religiajn sentojn estas mallaŭdinda kondutmaniero, ĉar per tiu prozelitismo vi senhonte trouzas la konfidon de la lando kaj popolo interemeze de kiuj vi vivas".

Ni volonte citis tiun eldiron de la greka samideano, ĉar en tute similaj cirkonstancoj troviĝas nia registaro kaj Ministerio de popola klerigado kontraŭ kelkaj fremdnaciaj lernejoj en Polujo.

Ni ne volas citi la nomojn, nur ni devas per tio korekti la esprimojn de fremdlandaj gazetoj, kiuj skribus pri terurajôoj en Malgrand-Polujo.

# RICEVITAJ GAZETOJ KAJ LIBROJ.

**Berichte zur Kultur u. Zeitgeschichte.** Eld. de N. Hovorka Wien IX. Löblichgasse 3, enhavas esperanto-servan parton N. 82-84 p. 494 — 496.

**Monda Kurjero,** ofic. informilo de turistoficejo Putnik en Sarajevo.

**Uŝe** — Eĥo Unuiĝ. Ŝtatoj de Europo Eld. Timiŝoara, Rumanujo Str. Lonovici I.

**Bulgara Esperantisto.** Teknika Org. de Bulgara Esp. As. Sofio. Poŝtkesto 233.

**Baha'u'llah kaj Nova Epoko** trad. de Lidja Zamenhof el angla verko de Dro J. E. Eslemont. Libreja Fako de Heroldo de Esperanto.

**La Ekonomia Kooperativo** de Ŝtatoj de la Malgranda Entento. Rob. Bloch Praha — Smichov R. C. S.

**Kalendaro esperantista.** Eldono de Heroldo enhavas la plej gravajn sciindaĵojn por ĉiuj esperantistoj. Pendu ĉie!

**Espero Katolika** n. 91 Februaro 931.

**Universala Pacifista Ligo.** Fondita en Oxford. Sir N. Angel (Anglujo) F-ino E. Jacobs (Germanujo) E. Dahl (Svedujo).

**Kulturo** monata eldono, Plovdiv Bulgarujo.

**Arbeiter Esperantist,** Laborista Esp. As.— n-ro 2.

**Fluganta Skribilo** stenografia monata Gazeto. D-ro Flageull, Francujo.

**Laborista Esp-o** Amsterdam. Adm. Fr. Koch.

**Lyona Internacia Foiro** 2—15 Marto. Dir. C. Rich Levin Del de UEA Lyon.

**Internacia Pedagogia Revuo.** Of. Organo de Geinstruistoj Esp.

**V. O. K. S.** — Organe de la Société pour les Relations Culturelles entre L' U. R. S. S. et l' Étranger (VOKS).

**Miesięcznik Literacki** pod redakcją Aleksandra Wata. Warszawa, Hoża 13, m. 20b.

Roseroj. Dua poemaro de Adalberto Smit. N. V. Joh. Ykemas Uitg. Mij La Hago. Nederlando.

**La Junulino el Stormyr.** Selma Lagerlöf. El sveda tradukis O. Frode. Stockholm. Eldona Societo Esperanto.

(Kompletigo de ĉi supra noncaro aperos en marto).

# PRI „POMOCNICZY JĘZYK ŚWIATOWY".

La revuo estas tre favore akceptita. Kun granda ĝojo ni devas konstati, ke ĝis nun ni kolektis nur laŭdojn kaj gratulojn. Ni atendas multajn mendojn kaj abonantaŭpagojn. Samideanoj ne ĉesu varbi! Ni tre bedaŭras, ke ni ne povis komplete plenumi nian promeson koncerne tion, ke ĉiu abonanto de Pola Esperantisto ricevos po tri ekzempleroj de Pom. J. Ś., ĉar ni konvinkiĝis, ke tio kaŭzus tro grandajn malhelpojn ĉe ekspedo de la revuo kaj pluan ĝian prokrastiĝon. La dua numero aperos post ĉ. unu semajno. Interesajn opiniojn pri la revuo ni aperigos en P. E. Ne forgesu alsendi taŭgajn artikolojn!

**Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, Stolarska 6.**

---

# Libreja Fako de „Pola Esperantisto“

**Kraków, ul. Lubicz 34. Konto PKO. 406.660.**

**REKOMENDAS:**

| | |
|---|---|
| **Albanio** — Gvidlibro | 0.60 |
| **Albumo de Kraków** (34 fotoj) | 0.80 |
| **Albumo** de l' VIII en Kraków. Luksege eldonita kun 600 fot. | 15.00 |
| **Ama stelaro** | 1.10 |
| **An-Ski** — Dibuk. Teatrajo | 1.25 |
| **Avsejenko** — Fraŭlino Suzano | 2.00 |
| **Baghy** — Viktimoj | 9.60 |
| **Bałucki** — Kuzeto. Komedio en trad. de S. Grenkamp | 0.60 |
| **Baudouin** — La arto de memdisciplino: Psikagogio | 1.30 |
| **Białystok** — Gvidlibro tra urbo de nia Majstro | 0.60 |
| **Blicher** — Taglibro de vilaĝpedelo. Rakonto | 1.20 |
| **Bonnsels** — Ŝolandro | 2.20 |
| **Bujwid O. prof.** — Kvin prelegoj pri bakterioj | 1.00 |
| — La apliko de radioj ultraviolaj al sterilizo de akvo | 0.35 |
| **Bukedo** — I. kaj II. Rakontoj de diversnaciaj aŭtoroj po | 1.20 |
| **Bulthuis** — Malriĉa en spirito. Dramo orig. en E. | 1.40 |
| **Butin** — Faŭsto. Komentario al la I-parto | 0.60 |
| **Butler** — Himnaro Esperanta | 3.00 |
| — Kantaro Esperanta | 3.00 |
| **Campe** — Robinsono Kruso | 7.00 |
| **Cart i Borel** — Esperanto w 10 lekcjach | 1.30 |
| **Conscience** — La leono de Flandrujo | 11.75 |
| **Czubryński** — Esperanto i Esperantyzm | 1.25 |
| — Esperantyzm. Wyd. II. | 3.00 |
| **Czechowski** — Podróż po świecie dostępna dla każdego | 0.50 |
| **Ĉefeĉ** ŝlosilo esper. (malgranda formato) | 0.50 |
| **Dobrzański** — Al mokantoj | 0.45 |
| **Dreyfus** — La vangfrapo | 1.00 |
| **Fredro** — Consilium facultatis. Komed. trad. Ant. Grabowski | 1.60 |
| **Fruictier** — Kompl. Gramatiko kaj vortfarado de Esper. | 8.50 |
| **Gemoj de la hungara popolmuziko** | 3.20 |
| **Grabowski Ant.** — Nova Antologio | 1.60 |
| **Grenkamp-Kornfeld** — Krioj de l'koro. Poeziajoj | 0.50 |
| — Penseroj. Legindaj precipe en kuraoj | 0.75 |
| — Kompletny samouczek jęz. Esperanto | 1.25 |
| **Gryff** — W sprawie nauki języków obcych | 0.50 |

| | |
|---|---|
| **Herben** — Malriĉa knabo, kiu gloriĝis | 4.50 |
| **Hiller** — Ho, tiuj fremduloj, opereto | 1.40 |
| **Ibsen** — Imperiestro kaj Galileano | 12.60 |
| **Ilustrita Gvidlibro tra Pollando kaj Danzig—Gdańsk, eldon. de la** P. E. D. Kraków | 1.50 |
| **Insignoj** esper. (steloj) po 1.10, 1.20, 1.30, 1.40, 1.50, 1.70, 2.10. | |
| **Insignoj** esper. por poloj | 2.50 |
| **Jarkolekto de „Pola Esperantisto" 1928** | 5.00 |
| **Jarkolekto de „Pola Esperantisto" 1929** | 6.00 |
| **Jaumotte** — Belga Antologio, franca parto | 10.00 |
| **Jung** — La alta kanto de la amo | 1.80 |
| **Kaplan** — Akordoj esperantaj | 0.80 |
| **Karinthy** — Norda vento; novelkolekto | 1.30 |
| **Kenelm Robinson** — Se grenereto | 13.00 |
| **Kongreslibro** de l' VIII. en Kraków. Riĉe ilustrita | 1.00 |
| **Kraków — Urbo de Jubilea Kongreso 1912** | 0.80 |
| **Kriss** — Melodoj de l' nokto. Poeziaĵoj | 1.00 |
| **Lagerlöf** — La junulino el Stormyr | 3.75 |
| **Lange** — Libroj de profetoj, ses poemoj; trad. Ant. Grabowski | 1.50 |
| **Lessing** — Minna de Barnhelm | 4.30 |
| **Malgranda terbiblio** | 2.00 |
| **Mickiewicz** — Improvizacio de Konrad | 0.50 |
| **Multatuli** — Historio de Saidjach kaj Adinda; eld. Liem Tjong, Hie Semarang — Java | 1.85 |
| **Oberrotman kaj Jung** — La lastaj tagoj de Dro Zamenhof | 2.60 |
| **Per balono al Poluso**: la libro pri Andrée kaj liaj kamaradoj | 22.50 |
| **Polaj Kristnaskaj Kantoj** | 0.25 |
| **Poŝtkartoj (kun moto de Żeromski) 10 pecoj** | 0.50 |
| **Reymont** — En fumejo de l' opio | 1.20 |
| **Sinha** — Bengalaj fabeloj | 2.50 |
| **Słowacki** — La patro de pestuloj el El-Arish, trad. Ant. Grabowski | 1.40 |
| **Staff** — Aŭtunaj agordoj | 1.00 |
| **Ŝapiro** — Babiladoj de bonhumora Zamenhofano | 1.00 |
| **Ŝiŝmanow** — Cu estas ebla kaj necesa internacia helplingvo | 1.00 |
| **Ŝlosilo esper. en pola lingvo** | 0.60 |
| **Tatroj kaj Zakopane** | 0.50 |
| **Tichawski** — „La Mondlingvo", podr. Esp. | 5.00 |
| **Trochimowski** — Kwestja języka międzynarodowego 10 ekz. | 1.00 |
| **Turno** — Kompletny podręcznik Esperanta; wyd. III. | 1.25 |
| — Wyższy kurs | 2.00 |
| **Vermuyten** — Belga Antologio, franca parto | 10.00 |
| **Wiesenfeld** — Galerio de Zamenhof. Kun 18 portretoj | 2.40 |
| **Zamenhof, D-o Leono** — Mia liro | 1.10 |
| **Zawada** — Pełny podstawowy słownik j. Esp. (esp.-pol.) | 4.00 |

**La verkoj de Zamenhof:**

| | |
|---|---|
| **Fundamenta Krestomatio** | 5.60 |
| **Fundamento de Esper.** (5-lingva) | 2.30 |
| **Lingvaj Respondoj** | 2.80 |
| **Proverbaro Esperanta** | 2.70 |
| **Andersen** — Fabeloj I. kaj II. parto po | 4.40 |
| **Goethe** — Ifigenio en Taŭrido | 3.30 |
| **Gogol** — La Revizoro | 3.30 |
| **Heine** — La Rabeno de Baĥaraĥ. La Gimnazio | 2.30 |
| **Molière** — Georgo Daŭdin | 1.75 |
| **Orzeszko** — Marta | 5.50 |
| **Schiller** — La Rabistoj | 3.30 |
| **Shakespeare** — Hamleto | 2.75 |

**Nur antaŭpago. — Por sendkostoj aldonu 10%.**

Por rekomendita sendaĵo plu 0.50 zł. **La sendaĵon nerekomenditan ni ne garantias.**

**NE FORGESU RENOVIGI LA ABONON POR J. 1931!**

**Pagu la abonon je nia konto PKO 406.660.**

**Abonu mem kaj varbu novajn abonantojn por la sola esperanta gazeto en Pollando!**

**Abonu la polan propagandan revuon „Pomocniczy Język Światowy".**

Drukarnia Ludwika Gronusia i S-ki w Krakowie, Stolarska 6.